# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 09/07/2015 Ducent dudekkvina eldono 10/07/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**




**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn
Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Ĝis la reveno de Nicole Else post la UK, Bob Felby provlegos la novaĵleteron.**

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK represos la ŝlosilon. Memoru, la celo estas propaganda libreto ne instru-libreto.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton
http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

# 78. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## La Refleksivo per "si". A.



En multaj eŭropaj lingvoj la verbo havas specialajn finaĵojn por montri, ĉu la subjekto de la verbo estas singulara aŭ plurala kaj ĉu ĝi indikas la parolanton, gramatike nomatan la unua persono, aŭ la alparolaton, la duan personon, aŭ la priparolaton, la trian personon. Oni nomas tion la konjugacio de la verbo. Sed la skandinavaj lingvoj forĵetis tiun nenecesan balaston de pluraj finaĵoj, kaj ankaŭ Esperanto ne havas tian konjugacion. Ĝi havas finaĵojn nur por la tempoj (-as, -is, -os) kaj la aspektoj (-u, -us, -i). Do teorie ni ne bezonas scii pri la unua, dua, kaj tria personoj de la subjekto.

Tamen ĉeestas en Esperanto unu kazo kiam ni devas scii tion . Tio okazas ĉe la t.n. refleksiva voĉo, kiun ni ne menciis antaŭe, ĉar ĝi ne havas specialan sufikson, kaj do povas juĝati esti io aparta.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.

Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.

Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

Tri vizitantoj el Koreio de la 3a ĝis 6a de aŭgusto. Vidu AE 222 por detaloj. Ĉu vi povus helpi ilin?

# Nia moderna mondo










Via patro kaptis muson.
Kion ni faru nun?

Sendis Peter Weide
16 bildojn
Vidu estontajn AEojn







## La Melburna Esperanto-klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"La Melburna Esperanto-klubo renkontiĝis pasintan lundon. Ni rigardis la lastan parton de la Esperanta filmo "Atakoj de la Zombioj" kaj poste kvizis, danke al Suzanne Holton.
Venontan lundon estos nia lasta kunveno ĝis la 31a de Aŭgusto kiam ni rekomencos. Ses membroj de la klubo iros al Francujo por la UK en Lillo.
Ili estas Esther Parris, Joanne kaj Peter Johns, Jennifer kaj Alan Bishop kaj Heather Heldzingen."
Heather Heldzingen

# Novaĵo sendita de Aŭstralianaj vojaĝantoj al la lilla U.K.

Interesa iniciato
Mi nun estas en bretona urbo - parto de Francujo- fama pro tio ke tie staras la plej bone konservita kastelo mezepoka en Eŭropo. Ĝia nomo estas Fougeres.
Promenante apud la kastelo mi rimarkis "keston", fiksitan je la muro kun bretoj kaj travideblaj pordoj, sur kiuj estas skribite " Donu kaj ricevu".En la kesto estas libroj. Post legado eblas deponi libron tien kaj preni unu el la tie kuŝantaj libroj, alivorte temas pri libera interŝanĝo de libroj.
Mi intencas akiri romanojn en Esperanto kaj metodon por lerni Esperanton de la lokaj esperantistoj, ni vidos ĉu tio estos sukcesa.
En la lernejo de miaj genepoj, mi renkontis virinon, kiu esprimis sian deziron lerni Esperanton. Ŝi ofte ĉeestas renkontiĝojn internaciajn kadre de sia laboro, kie la angla estas la nura ebleco. Ŝi konscias pri la malfacilaĵoj kaŭzitaj de tiu devigo uzi nur la anglan en medio, kie denaskuloj kaj nedenaskuloj devas interŝanĝi informojn . La Eŭropa partio EDE ( Eŭropo demokratio Esperanto), kiu jam kampanjis trifoje kadre de la Eŭropa voĉdono donis al ŝi la ideon.
raportas Franciska Toubale



## La Adelajda Esperanto-klubo.

Je nia Sabatmatenaj kunsidoj, Max Wearing kaj mi komencis legi biografion de Trevor Steele. Punkto demandinda. Kial Kvinslando estis nomata

Kvinslando? En mia kompatinda Esperanto tio signifas 'kvin (j) lando': 5s lando. Certe ĝi devus esti Lando de la Reĝino?
Gordon Coleman Adelaide Tottenham Boy in Exile

# Esperanto-Domo Sidnejo



Anoj kunvenas la unuan dimanĉon de ĉiu monato
13:00 amuza kunveno kun manĝeto por iuj ajn venintoj
Antaŭe je 11:00. Aferkunveno por la Estraro kaj aliaj kiuj deziras partopreni.
La pordo malfermiĝas je la 10:30-a por preparado por la kunveno.
17 anoj venis je la 5-a de Julio 2010 La Federacio donis t-ĉemizojn al la anoj




Jen foto. Jano, Margaret, Dmitry, Volo, Ago kaj mi ne surestas. Amike, Nicole

Jen vi povas vidi tiun filmeton de Richard pri ĉi tiu kunveno
https://www.youtube.com/watch?v=Z4eJEc2A7mU Amike, Nicole









## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ |
| "Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |




# Esperanto-tago

La 26an de Julio Esperanto-parolantoj celebros la naskiĝtagon de la internacia lingvo. Sed ĉu la ekstera mondo scias pri tio? Verŝajne ne !
Pro tio Esperanto-tago.

.

Kunlabore kun la Universala Esperanto-Asocio, notinde Peter Oliver, Stefano Keller, nia reprezentanto ĉe la Unuiĝintaj Nacioj kaj Renato Corsetti, ni preparis afiŝojn en 84 lingvoj.
Do kion fari nun?

.

Ni petas ke vi uzu tiujn afiŝojn - metu ekzemple en vian lokan universitatan bibliotekon, ktp. Ni petas ke vi kontaktu vian lokan radio-stacion, kaj ke la naciaj asocioj kontaktu naciajn ĵurnalojn kaj televidon. Jen kelkaj teksto-sugestoj. http://uea.org/vikio/index.php/Teksto-sugesto
Prefere informu pri nia 100a kongreso en Lillo. Ni petas ke vi uzu vian imagpovon ĉi-rilate!

.

Jen la afiŝoj http://www.linguistic-rights.org/esperanto-tago/

Ĉiam antaŭen J
Brian Barker

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

(kunvenos 3/9, 10/9, 24/9, 8/10, 22/10, 5/11,19/11, 3/12, 17/12)

BOAVONTADE.COM
PORTALO DE LA EKUMENA SPIRITUALECO

Kiu ni estas Parolu kun ni

Civitaneco Daŭripova elvolviĝo Edukado Ekumena Spiriteco Esperantaĵoj Novaĵoj Sano




## Edukado de junuloj kaj plenkreskuloj kaj novaj oportunoj

**Rafael Ferro**

11/05/2015 às 09h48 - segunda-feira | Atualizado em 27/05/2015 às 15h16

Saluton kara amiko
Mi vin petas bv propagandi tiun ĉi temon.
http://www.boavontade.com/eo/edukado/edukado-de-junuloj-kaj-plenkreskuloj-kaj-novaj-oportunoj?utm_source=Referral&utm_medium=facebook&utm_campaign=expansao
Koran dankon, fartu bonege! *Paulo César* *www.bonavolo.com*



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo. Interesa loko. Venis la 16an de majo la 5 Esperantistoj: John, Jano, Eunice, Chris, Roger. La bonaj amikoj ĝuis Esperantujeton. Ĉiuj estis anoj de la EFNSK kaj ŝatis siajn EFNSK-ajn T-ĉemizojn.

**EFNSK donas t-ĉemizojn al siaj anoj.** Venu al kunvenoj ĉe Esperanto-Domo, aŭ aranĝu ke via grandega T-ĉemizo iru al la Manlia aŭ la Centra Marborda Kluboj. Poste, Esp.Domo vendos la ĉeterajn subkoste je $10 plus poŝta kosto.